1a JARO. 3a NUMERO.

10

# BELGA ESPERANTISTO

## MONATA REVUO

REDAKTATA DE LÉON CHAMPY, FR. SCHOOFS, VAN DER BIEST-ANDELHOF, JER. VAN LAERE KAJ OSCAR VAN SCHOOR.

kun la kunlaborado de multaj aliaj belgaj kaj eksterlandaj esperantistoj.



Januaro 1909.

ENHAVO :



Unu numero : fr. 0.40 = 16 sd.

ANTVERPENO
(Antwerpen — Anvers)

PRESEJO DE JOZ. BUERBAUM,
Moretuslei (Avenue Moretus), 60.

# Belga Ligo Esperantista

## ĈIUJARA KOTIZAĴO:

(JAARLIJKSCHE BIJDRAGE. — COTISATION ANNUELLE):

Ordinaraj membroj (Gewone leden. — Membres ordinaires . . . . . . . . . . Fr. 1.00
Protektantaj membroj (Beschermende leden. — Membres protecteurs) . . . . . . . Fr. 10.00
Bonfarantaj membroj (Leden-weldoeners. — Membres bienfaiteurs) . . . . . . . . Fr. 25.00

## Honora Komitato

Sroj F. COCQ, Skabeno de la Publika Instruado, Ixelles.
Dro V. DESGUIN, Skabeno de la Publika Instruado, Antverpeno.
DUBOIS, Direktoro de la Supera Komerca lernejo, Antverpeno.
Dro GASTER, Direktoro de la Germana lernejo, Antverpeno
Senatano HOUZEAU DE LEHAIE, Mons.
Frato IZIDORO, de la Reĝa Instituto de Surd-mutuloj kaj de Blínduloj, Woluwe-Bruselo.
Senatano LAFONTAINE, Bruselo.
A. LECOINTE, honora ĉef-inĝeniero de la Belga Maristaro, Bruselo.
Generalo LEMAN, Komandanto de la Militista Lernejo, Bruselo.
J. MASSAU, Profesoro ĉe la Universitato, Gento.
MOURLON, Direktoro de la Geologia Oficejo, Bruselo.
O. ORBAN, Profesoro ĉe la Universitato, Liego.
ERNEST SOLVAY, senatano, Bruselo.

1ª JARO. JANUARO 1909 3ª NUMERO.

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

REDAKTATA DE LÉON CHAMPY, FR. SCHOOFS, VAN DER BIEST-ANDELHOF, JER. VAN LAERE, KAJ OSCAR VAN SCHOOR.

ABONPREZO :

| | |
|---|---|
| Belglando | Fr. 4.— (Sm. 1.50) |
| Eksterlando | Fr. 4.50 (Sm. 1.80) |
| Unu numero | Fr. 0.40 (Sm 0.16) |

Sekretariejo : 49, Kleine Beerstraat, (rue de la Petite Ourse), Antwerpen-Anvers.
Abonoj kaj Monsendoj : 20, Vondelstraat, (rue Vondel), id.
Ĵurnaloj, broŝuroj, libroj ; 26, Arendstraat, (rue de l'Aigle) id.

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*



**Pro manko de loko ni devas prokrasti la enpreson de diversaj artikoloj.**

## 1908-1909.

La jaro 1908 estis kaj restos memorinda en la historio de Esperanto en Belgujo.

Bedaŭrinda malkonsento ekzistis de kelka tempo en nia tendaro sekve de la agadoj de tiuj, kiuj pretekstante plibonigi Esperanton kaj solvi tiamaniere la demandon pri la lingvo internacia, pruvis anstataŭi ĝin per plagiato de tiu ĉi, kaj rifuzis sian fidon al nia kara Majstro, al la Lingva Komitato kaj ĝia Akademio.

Tiuj penadoj nur naskis momentan dubon kaj haltigon de la propagando, kaj baldaŭ oni vidis ke la grava plimulto de la Bel-

gaj esperantistoj ne konsentas forlasi la Zamenhofan Esperanton aŭ malfidi la aŭtoritatoju kies tasko estas kontroli la evolucion de nia lingvo.

La ĝenerala kunveno de la Belga Ligo Esperantista, okazinta la 20an de Septembro 1908, klare montris la volon de niaj samideanoj kaj sankciis ĝin per solena deklaracio pri fideleco kaj fido.

Certe, ni bedaŭras la defalon de tiuj, kun kiuj ni de kelkaj jaroj fervore kaj simpatie laboris por la triumfo de la lingvo internacia kiu, laŭ ĉiam akceptita interkonsento kaj laŭ la regularo de la Ligo, ne estas alia ol Esperanto. Sed aliparte estas konsolanta kompenso konstati ke la granda amaso restas kun ni, kaj ĝojiĝi pri la aliĝo de multe da novaj samideanoj, kiuj plenigas la forlasitajn vicojn. Ĉie renaskiĝas fido, laboro, sukcesplena propaganda agado !

La Belga Ligo Esperantista, kiu kalkulis 14 grupojn antaŭ la okazinta skismo, nun enhavas 17 aliĝintajn societojn.

« Belga Esperantisto » aperis, kaj ricevis la aprobon kaj la apogon de multe da Belgaj kaj eksterlandaj samideanoj.

For estas la tempo de senfinaj, malefikaj diskutoj kaj de malpaco!

Saluton al la periodo de unuiĝo, de laboro, de propagando !

La jaro 1909 favore en nia lando aŭguras por Esperanto : bonvenon al ĝi !

B. E.



En nian unuan numeron glitis kelkaj eraroj.

Cirkonstancoj, nedependaj de la Redakcio, igis ĝin rapidi kaj malhelpis al ĝi sufiĉe zorge korekti la presprovaĵojn.



# INTERKONSENTO



Esperanto estas nun vivanta lingvo. Do kiel ĉiu vivanta organizaĵo, Esperanto havas sian iom-post-ioman naturan evolucion. Perforti tiun evolucion per grava skuo, estus mortigi la ĉie triumfantan ideon de la internacia lingvo.

Ĉar lingvo internacia ne estas maŝino !

Imagu maŝinon por fabriki alumetojn. En jam 200 fabrikejoj de la mondo oni uzas ĝin. Progresemuloj estas kompreneble tiuj inĝenieroj, kiuj klopodas por perfektigi tiun maŝinon, t. e. por igi ĝin produkti pli da alumetoj kaj pli malmultekoste. Post kelkaj jaroj

unu el la plibonigitaj maŝinoj, ekzemple en Germanlando, jam produktas la trioblon ; alia, en Usono, ankaŭ. Tamen, ambaŭ maŝinoj ne similas plu je la originala tipo ; pli mirinde ! la Usona kaj la G rmana maŝinoj estas iĝintaj eĉ tute malsamaj. Nu, tiu malsameco estas negrava afero por la industrio : *produkti* estas tie ĉi la celo.

Rilate al lingvo nacia aŭ internacia, *interkompreni* estas la celo. Male je supra ekzemplo pri maŝino, la plej logikaj, la plejbonaj ŝanĝoj, proponataj en iu lingvo, estas senvaloraj, se ili ne estas samtempe aprobataj kaj akceptataj de la tuta lingvanaro ; senĉese, obstine farate, kaj ĉiufoje nur de kelkaj personoj akceptate, tiaj ŝanĝoj rekte kondukus al la Babela turo. Do, nur per nia ĝenerala interkonsento la internacia lingvo ŝanĝiĝos.

* * *

Senfinaj diskutoj disŝiris kelkajn Esperantistajn grupojn : la Pariza Delegacio estis ektrovinta, ke Esperanto ne estas perfekta.....

De tiu momento kelkaj malkontentuloj kriadis : Jen ! ni diris tion ankaŭ ! — Kaj, forgesante la mil neperfektaĵojn de naciaj kaj eĉ de falintaj internaciaj lingvoj, ili senkore atakis la mirindan kreitaĵon de nia respektinda majstro, kiu.. — pri tio ili neniel atentis ! — de la komenco modeste konfesis, ke vere Esperanto estas perfektigebla, kiu neniam diris la malon ! (Vidu la « Fundamento de Esperanto. »)

Oni penis plibonigi, oni prezentis alian lingvon.

Nu, se pro neperfekteco oni forlasus lingvan sistemon jam uzatan de pli ol cent mil personoj, por poste provi enkonduki alian sistemon (ankaŭ ne perfektan !) uzotan de aliaj miloj da personoj, la vera tutmonda lingvo neniam ekzistus : *ĉar oni eterne povos plibonigi.*

* * *

*Interkonsento !* tio estas la morala fundamento de internacia lingvo, kaj la veraj progresemuloj estas tiuj, kiuj deziras plibonigi Esperanton, atentante precipe pri la organizo kaj la konservo de tiu interkonsento.

Por efektivigi tian progreson, ni havas ĉion bezonan. Kaj tion tre bone komprenis la fidelaj Belgaj Esperantistoj, kiam ili voĉdonis la tagordon de la 20ª de Septembro lasta. (Vidu Nojn 1-2 de B. E. paĝo 13ª.)

Ĉu ne la jena propono estis unuvoĉe akceptita de la Dresdena Kongreso :

« La tasko de la Lingva Komitato estas zorgi pri la konservado de la fundamentaj principoj de la lingvo kaj kontroli ĝian evolucion. Ĝi do esploras ĉiujn lingvajn demandojn kaj solvas ilin laŭ la supre diritaj principoj. Neniel la Fundamento, nek la Lingva Komitato povas esti baro por la normala evolucio de la lingvo, kiun ili, kontraŭe, certigas. »

Por forigi la malutilojn de la grandnombreco de la L. K., oni elektis el ĝi Superan Komision aŭ Akademion enhavantan 18 membrojn. El tiuj ni nur citu Boirac, Bein, Cart, Grabowski, Moch, Saussure, Nylen, Mybs, Villanueva k. t. p., kiuj ĉiuj estas fidelaj Esperantistoj kaj fidindaj kompetentuloj.

En la fino de sia fama raporto, S° K. Bein esprimas la deziron, ke la tuta Esperantistaro helpadu la L. K. *La celo de ĉi tiu artikolo estas la baldaŭa efektivigo de tiu deziro, per simpla kaj praktika organizo de tiu helpado.*

Fidelaj ni estas, neprogresemaj neniel ! Tial ni volas garantii la regulan evolucion de Esperanto, dum kelkaj malfideluloj elpensas eble multegon da novaj lingvaj sistemoj. (En iu urbo, areto da malfideluloj jam propagandas *tri* malsamajn sistemojn ; ĝoje ni antaŭvidas la tempon, kiam ĉiu el tiuj ŝanĝemuloj havos specialan internacian lingvon.... por sia persona uzado !)

***

1° Antaŭ ĉio, *ni forigu la diskuton pri lingvaj demandoj el ĉiu grupa kunveno.* La sperto pruvis sufiĉe, ke tiaj ofte enuigaj diskutadoj nur efikis ke la plejmulto da nekompetentuloj blindesekvis malmultajn sed laboremajn personojn, kiuj interese studis la aferojn. *La grupoj celu nur la propagandon* por Esperanto per paroladoj, kursoj, festoj, ekskursoj, k. t. p.

2° En ĉiu nacia Esperantista ligo, oni starigu konstantan *Lingvan Komision*, ekzemple el 3 aŭ 4 membroj.

3° Per la ĵurnalo de la ligo, per ĉiu nacia Esperanta ĵurnalo, la Lingva Komisio invitu la Esperantistojn kiuj interesas sin kaj studas pri lingvaj temoj, *konigi al ĝi ĉiun ŝanĝon*, kiun ili dezirus enkondukigi en la lingvon.

4° Post kelkaj monatoj, post ricevo de multaj leteroj *la Lingva Komisio ordigu la ricevitajn proponojn.* Ĝi (la Komisio) diskutu neniel, ĝi nur kunigu la samajn reformojn, ĝi sumigu kaj faru raporton pri sia laboro.

Specimeno de Raporto.

La (Belga, Germana, Franca, Angla aŭ alia) Lingva Komisio ricevis entute 188 prilingvajn leterojn :

a) 179 Esperantistoj postulas la forigon de la akuzativa finiĝo *n* kiu nun esprimas la direkton ;

b) 75 leteroj postulas la reguligon de la vortaro laŭ la fundamentaj principoj kaj pritraktas la aldonon de novaj afiksoj : broso = brosilo, ferigi = ferizi, k. t. p.

c) 43 leteroj deziras la forigon de la supersignaj leteroj ;

d) 14, la forigon de la multenombreca finiĝo *j* ;

e) 4 demandas fiksan vortordon, k. t. p.

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

5e Ĉiuj ĉi naciaj raportoj estu sendataj al la Esperanta Akademio, kiu siavice faru ĝeneralan raporton, informontan ankaŭ pri la nacieco de la postulantoj, kaj sendotan al la membroj de la Lingva Komitato, por ke ili sciiĝu kaj studu pri la deziroj de la tutmonda Esperantistaro.

Same kiel pri nia 4a propono, ni antaŭvidas ekzemple jenan specimenon de

Ĝenerala Raporto.

Entute 2374 leteroj pritraktis reformojn.

a) 2010 postulas la forigon de la direkteca akuzativa *n*. (Inter tiuj postulantoj estas 17 Germanoj, 419 Francoj, 681 Angloj, 214 Belgoj, k. t. p.).

b) 2034 (kiel *b* supre ; — Inter tiuj k. t. p.)

c) 654 kiel *c* supre ;

d) 78 kiel *d* supre ;

e) 51 kiel *e* supre ; k. t. p.

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

6e Post studo de la ĝenerala raporto, la Esperanta Akademio, decidu kaj dissendu al ĉiu nacia ligo kaj al ĉiu Esp. ĵurnalo *cirkuleron sciigantan kiaj reformoj estos oficiale kaj devige enkondukataj de la 1a de Januaro 19...*

* * *

Jen do, en kelkaj vortoj, niaj proponoj por ĝenerala interkonsento. Tamen, ni nun ankoraŭ ekzamenu kelkajn eblajn kritikojn.

A. — Oni jam al ni diris : Se iam la Lingva Komitato kaj Akademio nur konsistus el.... Idistoj aŭ Ilistoj, kia danĝero por nia Esperanto !

Ni trankviliĝu. Se iam la tuta Esperantistaro estus kontenta esti regata de Idistoj, tio estus eble signo de la tempo, eble tempo de gravaj, tiam maturiĝintaj ŝanĝoj en Esperanto. Sed ankaŭ tio estus ebla, nur dank'al nia ĝenerala interkonsento : do la lingvo daŭrigus simple sian regulan evolucion, ĉar ankaŭ tia revoluciema Akademio devus ja regule funkciadi kiel la nuna.

B. — Ĉu, atentante nur pri la grandnombreco de la demandoj, la Akademio ne povos favori la anojn de ia speciala lingvo, klopodintaj por supereco ? Ekzemple, al la Francoj, kiuj, laŭ iu ĝenerala raporto, estus demandintaj 2000-ope fiksan vortordon en Esperanto ?

Tion ni ne devas timi. En la L. K. kaj Akademio la diverslingvaj membroj defendos la interesojn de siaj propraj lingvoj kaj ne akceptos tiel baldaŭ reformojn, donontan favoron al iu speciala nacio. Il ĉiam respektos la principon de la internacieco. La L. K. kaj Akademio nur atentos pri ĝeneralaj Esperantaj interesoj, kaj nombroj, kiel supraj, klare montros ĉu ia reformo respondas al la deziro de kiel eble plej multaj nacioj.

Ĉ. —Ĉu ĉiujare oni enkondukus aliajn reformojn ?

Ne ! La reformado devas efektiviĝi ne tro rapide : studo kaj singardemo estas necesaj kondiĉoj. Okaze, pri ia grava temo, pritraktita eĉ de nur tre malmultaj Esperantistoj, la Akademio per siaj cirkuleroj povos demandi la opinion de ĉiuj ligoj, laŭ la supre montrita vojo. Aliparte, ĉiulande oni povos en ĉiu Esperantisto jurnalo libere propagandi por varbi emulojn al ia bona ideo, kaj submeti ĝin poste al la Akademio.

Ni opinias ke ĉiukvinjare la Akademio povos konigi siajn decidojn, ĉiu novaĵo estos enkondukata nur laŭ kaj post ĉie sentata bezono.

***

Kaj de nun, amikoj fidelaj, ni agu ! Ke jam dum la jaro 1909a ĉiu ligo starigu sian *Lingvan Komision !* Ke la Akademio mem pruvu sian sanan vivadon kaj invitu ĉiun ligon kaj Esperantistan organizadon de la mondo, partopreni en tiu grava laboro ! Ni ne atendu !

Oni tiom ofte diris ke la Esperantistaro estas grandega familio. Nu, ni montru tion. Por ke nia familio restu forta kaj fortika, precipe unuigita, por ke ĝi sane kresku, ni bezonas ordon, kaj fortan regulan organizadon. Kiam ni estos akirintaj tion, la ne-Esperantistoj vidos, ke ni ne estas revantaj idealistoj, sed praktikaj progresemuloj : ili venos al ni !

Kaj, malgraŭ la malgajaj asertoj de kelkaj facilanimaj malfideluloj, nia kara Esperanto senskue, trankvile, libere kaj fiere marŝos antaŭen.

FRANS SWAGERS.



# KURAGIGAĴOJ

(DAŬRIGO)

LETERO DE Sino ROSA JUNCK, MEMBRO DE LA LINGVA KOMITATO.

Sino Rosa Junck, kiu loĝas en Bordighera (Italujo) skribas al ni el Dresdeno, kiun ŝi ne jam estis forlasinta je la fino de Oktobro. Ŝi raportas pri la progresado de Esperanto en la Saksa ĉefurbo, kie fondiĝas antaŭ nelonge la « Saksa Esperanta Instituto. » Ŝi esprimas sian bedaŭron pro la defalo de tiuj, kiujn ni iam estimis kaj amis. « Pli ol nobelecon » ŝi diras, « pli ol ordenojn aŭ rubandojn, mi ŝatas karakteron kaj fidelecon al la propra konvinko, al la kaŭzo por kiu antaŭe oni tutkore laboris kaj batalis.... »

Kaj rilate al « Belga Esperantisto » :

« Por via nova jurnalo la plej sinceran bondeziron. Ĉiam, rekte

« kuraĝe, kaj ne flankiĝante ni iru al la vojo celita !

Ĝis la revido !

Kore via

Rosa Junck. »

Letero de Sro ĈEFEĈ, la konata aŭtoro de la « Esperantaj Ŝlosiloj. »

London, S. W. la 25an de Oktobro 1908.

Karaj Samideanoj,

Kun granda ĝojo eksciiĝos la esperantistoj en la tuta mondo ke la granda plimulto de la Belgaj samideanoj decidiĝis defendi kaj konservi per nova organo « Belga Esperantisto » la lingvon tia, kian instruas la Fundamento de Dro Zamenhof, lingvon, kiu jam sin pruvis dum preskaŭ 28jara kritika ekproviĝo, ne nur nature evelucieblа,sed akceptebla de ĉiuj nacioj el la mondo.

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Zorgu la purecon de la vortaro, por ke oni ne enkonduku unuflanke proponitajn novaĵojn, kiuj ŝajnas bezonataj de unu lingvo, sed absolute superfluaj aldonaj al tiuj de aliaj.

Memoru ke Dro Zamenhof jam skribis al Sro Borovki antaŭ multaj jaroj :

« Kelkaj formoj, kiuj ŝajnis al mi riĉaĵo, montriĝis nun en la prak-
« tiko senbezona balasto ; tiel ekzemple mi devis forĵeti kelkajn
« nebezonajn sufiksojn. »

Evitigu, ke sin ripetu la historio !

Esperanto estas idiomo multe pli perfekta ol iu el la naturaj naciaj lingvoj.

Kion do povas rajte deziri ia delegacio, elektita de la plej lertaj lingvosciencistoj de la mondo !

Kore salutas via

E. Ĉefec.

El letero de Sro DREVES UITERDIJK, membro de la Lingva Komitato, Prezidanto de la Holanda Ligo Esperantista.

Hilversum, la 22an de Oktobro 1908.

....... Kara juna kolego, Belga Esperantisto, kies naskiĝo purigis la situacion en via lando, kore bonvena ! Kresku prospere, samtempe kun via frateto trans proksimaj limoj. (1) Ni ne forgesu ke ni estas ne nur najbaroj, sed plu intime ligitaj je raso, deveno, simpatio, lingvo k. ç. Ni laboru en frata konsento sen tro sentadi la politikan mureton inter ni.

(1) Aludo al « Holando Pioniro. »

Vivu niaj novaj gazetoj !

Tutkore via

DREVES UITERDJIK.

Letero de GENERALO SEBERT, de la Franca Instituto, membro de la Lingva Komitato.

Parizo, la 2an de Novembro 1908.

Estimataj Samideanoj,

Kun granda intereso mi eksciis la baldaŭan publikigadon de via ĵurnalo « Belga Esperantisto. »

Decidinte la presadon de tiu nova gazeto, la Belgaj esperantistoj certe agis prave. Ĝi provas, per eksperimento mem, kiel tion faris jam niaj triumfintaj kongresoj, ke la tiama lingvo « Esperanto » ne bezonas ŝanĝojn aŭ eĉ plibonigigojn por plenumi la taskon de internacia lingvo vere vivanta kaj plenutila.

Mi gratulas vin pro via sindonemo pri la granda Ideo, kaj sendas al vi ĉiuj miajn plej sincerajn bondezirojn por la sukceso de viaj klopodoj.

Kun kora kaj amika saluto

Via

H. SEBERT.

Letero de Sro. A. GRABOWSKI, membro de la Lingvo Komitato, kaj de la Esperanta Akademio.

Varsovio, Hoza 40, 3 XI. 1908.

Estimataj Sinjoroj,

Kun granda ĝojo mi ricevis vian sciigon pri la reorganizo de la komitato de la Belga Ligo Esperantista kaj pri la fondo de la revuo « Belga Esperantisto », kiuj ambaŭ nun, anstataŭ perdi tempon per teoriaj diskutoj, dediĉos ĝin el energia disvastigado de nia tradicia Esperanto.

Mi tre bedaŭras la foriron de la reformemuloj el nia rondo, sed mi estas certa, ke ili ekkonos fine sian eraron kaj revenos, kiel jam faris multaj aliaj, sub la verdan Standardon.

Ankaŭ ili konvikiĝos, kiel iam antaŭe mi mem, ke nenia Esperanto flikita povas kontentige anstataŭi la Zamenhofan genian kreaĵon.

Mi kun plezuro remorigas al mi la tempon pasigitan somere en Belgujo inter la gastamaj Belgaj samideanoj, kaj nun mi uzas la okazon por saluti ilin kaj esprimi al la nova revuo plej koran bonvenon.

Tute via

A. GRABOWSKI.

Letero de Sro CART, prezidanto de la Franca Esperantista Societo, membro de la Lingva Komitato kaj de la Esperantista Akademio

Parizo, la 10an de Decembro 1908.

Estimataj Sinjoroj,

Pro la unua numero de « Belga Esperantisto » mi tutkore gratulas. Jes, nur dank'al unueco vi povas venki, nur dank al lojala, *vera* unueco ; ŝajna unueco estas ne forto, sed malforto, ĉar ĝi estas nur mensogo. Unueco per komuna lojaleco, per komuna fideleco estas la nia, kaj pro tio ni fine venkos !

Korege kaj fidele via
TH. CART.

Letero de Sro J. BOREL, membro de la Lingva Komitato, direktoro de « Germana Esperantisto ».

Berlino, la 14an de Decembro 1908.

Estimataj Sinjaroj Redaktoroj !

Kun plezuro mi ricevis la unuan numeron de via bela kaj bona « Belga Esperantisto ». En la nomo de « Germana Esperantisto » mi tutkore esprimas al ĝi bonvenon en la Esperantista familio kaj deziras ke baldaŭaj kuraĝigaj sukcesoj rekompencu viajn penadojn.

Mirinde estas ke en lando, kie dum unu tuta jaro la oficiala kaj sola organo kontraŭbatalis Esperanton, restis ankoraŭ tiom da entuziasma fervoro, tiom da energio por daŭrigi la laboron. Tio pruvas kiom da vivforto posedas nia lingvo kaj kiel profunde ĝi jam enradikiĝis en via Belga tero. Ni kune iru, mano en mano al nia komuna celo !

Samideane via
J. BOREL.

Letero de Sro. John ELLIS, membro de la Lingva Komitato kaj de la Esperantista Akademio.

Keighley (Angl.) 14. XII. '08.

Estimataj Samideanoj,

Via programo estas admirinda, mi scias ke vi ĝin plenumos, ĉar mi okulvidis vian energion, fervoron kaj kompetentecon.

For la duboj, ŝanĉeliĝoj ! Ĉu dubi en la momento de triumfo ? Ĉu malkuraĝiĝi pro manpleno da malkontentuloj ? Se mi konas la Belgojn — kaj ni spertis ilian gastamecon kaj amikecon — ili ne forgesos ke la jam atingita sukceso de Esperanto estas la efektiva levilo por ĝia pli granda sukceso en la estonteco. « Nenio sukcesas, kiel

la sukceso, » diras la Amerikanoj.

Kun kora saluto

Via

John ELLIS.

Letero de Sro J. C. O'CONNOR, membro de la Lingva Komitato. Centra Angla Esperantejo, 17, S. Stephens Sor. Baryswater, London, 17. XII. 08.

Karaj kaj Estimindaj Samidaenoj,

Mi tre gratulas vin pro via vere bonega gazeto. Mi estas tute certa, ke « Belga Esperantisto » estos fidela defendanto de la vereco kaj justeco, kaj ankaŭ de tiuj ĉi grandaj principoj, kiujn ni estas ricevintaj el la manoj de nia Majstro Dro Zamenhof.

Korege via

J. C. O'CONNOR

Ph. D. M. A.



# Belga Ligo Esperantista

## RAPORTO

pri la komitata kunveno, okazinta en Bruselo, je Dimanĉo, la 18a de Oktobro 1908, en salono de la « Café des trois Suisses. »

So **Van der Biest-Andelhof**, vicprezidanto, malfermas la kunsidon je la 10 1/2a matene.

Ĉeestas : Soj L. Champy (Antverpeno), Leŭtenanto Speybrouck, anstataŭanta Son Komandanton Duverdyn (Bruĝo), Abato Richardson (Bruselo), Fr. Swagers kaj Oscar Van Schoor (Antverpeno), delegitoj de la ĝenerala kunveno :

Soj Van der Biest-Andelhof kaj Ad. Finet (Antverpena Grupo Esperantista) — J. B. Istace kaj Fr. Schoofs (Verda Stelo, Antverpeno), — Havermans kaj Goossens, anstataŭanta Son Delahaye (Berchema Grupo Esperantista), — J. Clerbaut (Boom'a Grupo Esperantista), Fino B. Ledène kaj So A. J. Witteryck (Bruĝa Grupo Esperantista), — Fo A. Guillaume kaj So Oct. Chalon (Pioniro, Bruselo) — K. Schriewer (Amikejo, Neŭtra Moresnet'o) kaj Pol Stappers (Excelsior, Sta Trudo), So J. Coox, kasisto de la ligo.

Senkulpiĝis : Soj Delvaux kaj Heyne (Karloreĝa Grupo Esperantista.

La komitato akceptas la eksiĝon de la grupoj de Laeken, Spa, Verviers kaj Ixelles. Ĝi decidas jese pri la aliĝo de la grupoj « Excelsior » kaj « Stelo matena » el Sta Trudo. La deziron pri aliĝo de la grupo de Nivelles ĝi ne povas plenumi, ĉar tiu grupo ne aldonis al sia peto sian regularon kaj la nomaron de siaj membroj.

La prezidanto legas raporton pri la lasta ĝenerala kunveno, redaktitan de So Jos. Jamin, eks-sekretario de la Ligo. La kunsidantaro konstatas ke tiu ĉi raporto estas nek sufiĉe plena, nek sufiĉe preciza, kaj decidas ke la hodiaŭ elektonta sekretario redaktos novan protokolon, kiun li prezentos okaze de la ĝenerala kunveno de 1909.

Sroj Komandanto Lemaire, eks-prezidanto, kaj Jamin, eks-sekretario, skribis al la komitato leteron, per kiu ili kontestas al ĝi la rajton pri propreco de la mono, dokumentoj kaj biblioteko de la Ligo. La ĉeestantoj konsiderante ke tiuj aferoj estas cititaj en la lasta bilanco, aprobita de la ĝenerala kunveno, decidas ke la Ligo estas la leĝa posedanto de ili. (1)

Pri la punkto « Plano de propagando » **So Champy** proponas ke la Ligo sin ageme okupu pri la enkonduko de Esperanto en la publikan instruadon.

Oni ĝenerale interkonsentas pri la de So Champy elmetita ideo, kiu estos ankoraŭ priparolata dum la venonta kunsido. Intertempe ĉiuj komitatanoj pripensos la plej bonajn rimedojn por solvi la demandon.

**So Chalon** opinias ke, antaŭ ol oni sin turnu al la publikaj estraroj la demando pri lingvaj reformoj devas esti solvita. La Belga Registaro ne prenos sur sin decidi kiu el la du lingvoj — la Zamenhofa aŭ tiu de la Delegacio — estas la plej taŭga por plenumi la taskon de internacia helpa lingvo. Li do proponas ke la ĉefa klopodo de la komitato celos : 1e la ekzamenon de la reformaj proponoj, 2e la starigadon, laŭ sistemo ĝenerale akceptota, de centra internacia organismo, kies misio estos solvi la supredirītan demandon, kaj fiksi definitive la internacian helpan lingvon. Laŭ la parolanto, la « Lingva komitato » ne havas sufiĉan aŭtoritaton por decidi ion ajn je l'nomo de la tuta Esperantistaro.

**La Prezidanto** rememorigas la sekvantan deklaracion, proponitan de So Swagers dum la lasta ĝenerala kunveno, kaj akceptitan de grava plimulto :

« La Belgaj Esperantistoj, aŭdinte la opinion de diversaj parolin-
« toj, rilate al reformoj pri Esperanto, deklaras ke verki kaj en-
« konduki tiujn reformojn estas la tasko de la kompetentaj aŭtorita-
« toj, nome la Lingva Komitato kaj ĝia Akademio, en kiuj ili ha-
« vas plenan fidon, — kaj decidas daŭrigi ageme la propagandon
« por la Zamenhofa Esperanto, kies evolucion fiksos ladiritaj aŭtor-

(1) Kelkajn tagojn poste la nova estraro ricevis ĉion.

« itatoj. »

Per 15 voĉdonoj kontraŭ 2 la ĉeestantaro decidas ke ne povas esti la tasko de la Ligo sin okupi pri lingvaj demandoj.

S° **Fr. Swagers** opinias ke la reforma demando devas esti afero nepre privata. Sed nenio malhelpas ke la Ligo sin interesu pri ĝi, starigante specialan komision, kiu kolektus la proponojn pri dezirindaj reformoj, kiujn la esperantistoj estus sendintaj al ĝi. La Komisio ordigus la ricevitajn proponojn kaj transigus ilin, sen komentario, al la Lingva Komitato.

La ideo de S° Swagers estas favore akceptata. La parolanto intencas pritrakti ĝin detale en artikolo, kiun li sendos al la novanoncita revuo « Belga Esperantisto. »

Pri la reforma demando S° **Havermans** rimarkigas ke, se oni riproĉas al la lingvo « Ido » multe da malperfektigaĵoj pri gramatiko kaj vortformado, ankaŭ multe da vortradikoj estas malbone elektitaj ; li pruvas tion per kelkaj ekzemploj.

S° **Witteryck** legas leteron de S° Boirac rilatantan al la lastaj okazintaĵoj kiuj agitis la esperantistaron. Pri kelkaj punktoj de tiu letero S° **Coox** protestas.

La **Prezidanto**, rimarkiginte, ke oni jam tro longtempe priparolis punktojn ne cititajn sur la tagordo, fermas la diskutadon.

Ĉar S° Jamin skribis al la komitato ke de nun la gravaj monhelpoj, donitaj al S° K^to Lemaire de Sroj Ern. Solvay kaj aliaj ne plus estos donataj al la Ligo por propagandi Esperanton (ili nun estas uzataj por ĝin kontraŭbatali !) S° **Champy**, por provizi la kason de la Ligo proponas ke la diversaj grupoj pagu al ĝi ĉiujaran kotizaĵon, po:

| | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|
| 5 frankoj | por | malpli | ol 50 | membroj, | | |
| 10 | » | » | 50 ĝis 100 | » | , | |
| 15 | » | » | 100 » 150 | » | , | |
| 20 | » | » | 150 » 200 | » | , | k. t. p. |

La propono de S° Champy estas akceptata principe ; oni decidas ke la delegitoj prezentos ĝin al siaj grupoj kaj konigos letere al la prezidanto ilian respondon.

Antaŭ ol elekti la estraron de la komitato, S° **Chalon** sciigas ke li voĉdonis kontraŭ la tagordo prezentita dum la lasta ĝenerala kunveno ; konsekvence, li voĉdonos nur por kandidato kiu malaprobas tiun tagordon kaj intencas klopodi por solvi la reforman demandon kun helpo de nova centra internacia organismo.

Rilate al la prezidanteco Soj **Champy** kaj **Van der Biest** proponas ĝin lasi provizore ne okupata, por prezenti ĝin okaze al influriĉa persono, kiu povus doni al la Ligo grandan apogon. La plimulto de la ĉeestantoj opinias laŭ kontraŭa senco kaj proponas la kandidatecon de S° Van der Biest.

Tiu ĉi deklaras ke, se li akceptas la prezidantecon, lia ĉefa zorgo estos respektigi la tagordon voĉdonitan dum la ĝenerala kunveno de la 20ª de Septembro, kaj rememorigitan ĉi supre.

Ĉar neniu el la ĉeestantoj deziras akcepti la funkcion de prezidanto laŭ la programo de S° Chalon, li mem prezentas sian kandidatecon por la prezidanteco.

Rilate al la kandidateco de S° Witteryck, al kiu vicprezidanteco estas prezentata, S° **Chalon** diras ke li ne voĉdonos por tiu kandidato, ĉar tiu ĉi subskribis la bataleman tagordon legitan dum la lasta ĝenerala kunveno.

La rezultato de la voĉdono estas la jena : Prezidanto : S° **Van der Biest-Andelhof** ; S° Chalon ricevas 2 voĉdonojn.

Vicprezidantoj ; S-roj **A. J. Wi teryck** kaj **Abato Richardson**.

Ĝenerala sekretario : S° **Léon Champy**.

Kasisto (ĉar S° Coox eksiĝis) : S° **Osc. Van Schoor**.

S° **Van der Biest** dankas la ĉeestantojn pro la honoro, kiun ili faras al li, kaj promesas sian tutan sindonon a la Ligo kaj Esperanto.

S° **Richardson**, akceptante la vicprezidantecon, dankas siavice siajn kolegojn. La tuta agemeco de la Ligo, li diras, devas esti dediĉata al la propagando de la Zamenhof'a lingvo. Ni riparu la tempon perditan pro longaj senefikaj diskutadoj pri reformaj, kiuj nur okazigis malfidon kaj malordon en niaj vicoj. Ni diskonigu kaj rekomendu la baldaŭ aperontan revuon « Belga Esperantisto » kaj ni kunlaboru al ĝi, por igi ĝin interesa. Se kelkaj grupoj forlasis nin, kun ĝojo ni konstatas ke aliaj estas pretaj por ilin anstataŭi ; post nelonge nia komitato estos pli multnombra ol antaŭe.

La parolanto finis, rememorigante la kernon, la internan ideon de Esperanto, kiu estas tiu de la internacia frateco.

Li estas entuziasme aplaŭdata.

S° **O. Van Schoor** anoncas ke li publikigos je la komenco de la nova jaro adresaron de la Belgaj Esperantistoj por 1909, kaj petis la ĉeestantojn ke ili bonvolu sendi al li ĉiajn sciigojn rilatantajn ne nur al siaj grupoj sed ankaŭ al la izolitaj Esperantistoj de sia regiono.

S° **Van der Biest** sciigas pri la baldaŭa apero de la revuo « Belga Esperantisto » redaktota de Sroj L. Champy, Fr. Schoofs, Jer. Van Laere, O. Van Schoor kaj li mem. Li varme rekomendas la novan organon, kiu celos la propagandon de la Zamenhofa Esperanto, klopodos por interesi sian legantaron per la bona elekto de sia enhavo kaj estos bonega ligilo inter la Belgaj grupoj.

S° **Schriewer** vokas la atenton de la kunsidantaro sur la Esperantistajn festojn organizotajn en Amikejo. La unua okazos je la 26ª de Decembro. Li esperas ke multaj samideanoj respondos lian alvokon.

La kunsido estas fermata je la 1ª posttagmeze.

La ĝenerala sekretario,
Léon CHAMPY.

# Valora Aliĝo.

Ni publikigas kun granda plezuro la ĉisuban leteron, per kiu Sro Dro V. Desguin, Skabeno de la Publika Instruado f. f. Urbestro de Antverpeno, akceptas la honoran membrecon de la komitato de la Belga Ligo Esperantista.

La tuta Belga Esperantistaro konas la multnombrajn atestojn pri simpatio kaj apogo kiujn nia movado ricevis de la Antverpena urbestraro: la letero de la unua magistrato el la granda komerca metropolo estas nova pruvo pri tio. « Belga Esperantisto » estas feliĉa utiligi la nunan okazon por prezenti sian fervoran dankon al la Antverpena urba konsilantaro kaj speciale al ĝia eminenta kaj lerta estro, nia nova honora komitatano Dro V. Desguin :

Antverpeno, la 25an de Decembro 1908. (1)

Sinjoroj,

Mi bone ricevis vian afablan leteron de la 23a de la nuna monato.

Vi scias, Sinjoroj, ke mi ĉiam atentis kun granda intereso pri viaj penadoj por la diskonigo kaj la disvolvigo de internacia lingvo. Tio estas diri ke mi tre volonte akceptas la titolon de honora komitano kiun vi bonvolis prezenti al mi.

Ricevu, Sinjoroj, la certigon de miaj altestimaj sentoj.

La Skabeno, ff. Urbestro,
Victor DESGUIN.

Al Sinjoroj Prezidanto kaj
Membroj de la Belga Ligo Esperantista.

---

(1) El franca lingvo tradukita.



**Malnova Rakonteto.**

## La ensorĉista Korvo (Kredinda historio).

Nikolao O.... havis edzinon, tre amindan sed malsaneman, kaj malsovaĝan korvon, kiun li instruis paroli.

Tial ke la birdo tre ofte aŭdis la malfeliĉan virinon diri al ŝia edzo: Ho, Nikolao, mi estas tre malsana! — ĝi estis memorinta tiun ĉi frazon, kiun ĝi ripetis ĉiumomente.

Oni lasadis plenan liberecon al la birdo kaj ofte okazis, ke ĝi, el la ĝardeno, forflugis sur la kampojn.

Jam alilandulo, Sinjoro B.... ĉasante trairis la P... an kamparon : vidinte nenian ĉasaĵon, li, pro manko de plibona kaptaĵo, celis grandan korvon, kiu staris sur sterkamaso, kaj pafis. La birdo falis. La ĉasisto estis tuj kaptonta ĝin, kiam la korvo je plendanta voĉo ĝemis : Ho, Nikolao, mi estas tre malsana ! — Estis la birdo de Nikolao O., kiu preskaŭ svenanta sed ne grave vundita, ripetis sian plej kutiman frazon. Sed tiuj vortoj en tia okazo, estis multe pli strangaj pro tio, ke la baptonomo de nia ĉasisto estas precize Nikolao. Tiu ĉi estis superstiĉulo tiel kredema pri la sorĉistoj, kiel kris'ano pri Dio.

Priskribi lian miregon, lian teruregon, ne estas eble. Lasinte la korvon, forgesante sian pafilon, kiu falis el liaj manoj, li plej eble rapide forkuris kaj al renkontita pasanto li naivege rakontis sian nekredeblan aventuron. Tiu pasanto, unu el la najbaroj de Nikolao O..., bone konis la parolantan korvon. Li havis nenion pli urĝantan ol sciigi siajn amikojn kaj konatojn p i tiu gajiga afero. Ĉu mi devas diri la ridadojn, kiujn tio kaŭzis ; la ŝercadojn, kiuj atakis la malfeliĉan ĉasiston ? Ĉu, precipe la honton kaj la furiozon de tiu-ĉi ?

De tiu tempo, pli ol dudek jaroj pasis. Se, amiko-leganto, vi renkontus sinjoron B... mi petas vin, ne diru al li : Ho, Nikolao, mi estas tre malsana !... La kompatinda korvoĉasisto vin batus, eble vin mortigus. ĉar ĝis nun li ne ĉesis furiozadi.

E. V. Honincks.



## Bonaj okulvitroj

Vilaĝano iam havis aferon kun la juĝistaro ; li konsiliĝis kun advokato Daŭrulo kaj klarigis al li ĉiujn cirkonstancojn. La advokato petis lin ke li revenu la sekvontan semajnon.

Kiam je la fiksita tago la vilaĝano revenis, la advokato ne estis trovinta la tempon sufiĉan por esplori lian aferon.

Kaj li petis la vilaĝanon ke li revenu post unu semajno.

Kiam denove la kamparano revenis, la advokato ne jam sin estis okupinta pri lia proceso.

— Kio do mankas al mia afero ? li demandis.

— Mi tute ne vidas klare en ĝi, respondis la advokato.

Tiam la ruza vilaĝana elprenis du orajn monerojn da dudek frankoj el sia poŝo, kaj prezentis ilin al la adkokato dirante :

— Metu tiujn ĉi okulvitrojn, sinjoro advokato, kaj mi estas certa ke mia afero tuj aperos tre klare al vi.

Kaj tiel okazis !

## El la kalkulo leciono

*Instruisto* : Domo havas kvar ŝtuparojn, ĉiu ŝtuparo dekdu ŝtupojn. Kiom da ŝtupoj mi do estas suprenironta de la vestiblo ĝis la subtegmento ?

*Lernanto* : Ĉiujn !

(Spritulo)

## Por esti belulino

virino devas almenaŭ posedi:

3 blankaĵojn : la haŭto, la dentoj, la manoj.
3 nigraĵojn ; la okuloj, la brovoj, la palpreboj.
3 ruĝaĵojn : la lipoj, la vangoj, la ungoj.
3 longaĵojn : la kapo, la haroj, la manoj.
3 larĝaĵojn : la brusto, la frunto, la brovo.
3 mallongaĵojn ; la dentoj, la oreloj kaj... la lango.

(Monde espérantiste).



# Diversaj informoj

**Internacia Esperantista Psikistaro.** — Oni antaŭ nelonge fondis internacian Unuiĝon por psikista studado per Esperanto, pri Spiritismo, Telepatio, Magnetismo, Hïpnotismo, k. t. p. Kotizaĵo 1 sm. jare minimume. Por aliĝi oni bonvolu sendi nomon, adreson, monon kaj fotografaĵon al la Sekretario *A. Stas*, St. Antoniusstraat, 25, Antwerpen.

**Internacia Esperantista Farmacia Asocio.** — Laŭ decido de la Esperantistaj farmaciistoj kunvenintaj dum la kongreso en Dresdeno, oni fondis « Internacian Esperantistan farmacian asocion. »

La unua konveno okazos dum la kongreso en Barcelono.

La ĉiujara kotizaĵo estas minimume 1 franko (o. 4 sm.) Tuj kiam la anaro estos sufiĉe multnombra, la asocio eldonos monatan farmacian revuon, kaj la ĉiujara kotizaĵo estos minimume 5 frankoj (2 sm.)

Ĉiu Esperantista farmaciisto estas petata sendi al la fakaj jurnaloj de sia lando artikolon pri la nova asocio.

Por sciigoj kaj aliĝoj oni sin turnu al la sekretario Oscar Van Schoor, farmaciisto, 20, Vondelstraat, Antwerpen.

DEZIRAS KORESPONDI :

Sro *Gabriel Alomar*, Palma de Mallorca, Hispanujo. (Ilustritaj poŝtkartoj).

Sro *E. O. Sauberlich*, Paulstr. 12, 1 p., Dresden (id).

Sro *François Chaine*, mairie d'Avignon-Vancluse, France (id.)



# BELGA KRONIKO.

**ANTVERPENO. Antverpena Grupo Esperantista.** — Estas vera plezuro konstati la ĉiam kreskantan progresadon de tiu grupo, la plej malnova de la lando. La virinaj kursoj, instruataj sub la lerta direkcio de S^ino Claessens kaj F^ino Eugenie Gunzburg en la duagrada lernejo nº 2ª por junulinoj, kunigas grandan nombron da ĉeestantinoj. La kunvenoj en la *Taverne Royale*, ankaŭ estas ĉeestataj de multe da anoj — sinjorinoj kaj sinjoroj. Sº V. Claessens, tie instruas sukcesplene Esperanton al la komenculoj ; post la instruado la novuloj kaj la veteranoj ĉeestas la saman kunsidon. Tiam oni faras legadojn kaj paroladojn, kaj poste komencas ĝenerala diskutado pri temo antaŭe difinita. Fine, oni deklamas, oni kantas ; ĉiusemajne oni lernas novan kanton. La grupanoj jam posedas rimarkindan repertuaron.

Esperanto en la Antverpeno Grupo estas instruata laŭ la Gouin'a metodo, per la bonega lernolibro « la Ĉiutaga Vivo » de Soj Swagers kaj Finet. La tri geprofesoroj posedas la ateston pri kapableco, aljuĝita de la Belga Ligo Esperantista.

**Verda Stelo. Avizo.** De nun la ĉiusemajnoj kunvenoj okazas ĉiumerkrede, je la 8 1/2ª vespere, en speciala salono de la kafejo « Zomerhof » Matenkrepuskoplac nº 32ª.

**BERCHEM. La Berchem'a Grupo Esperantista** inaŭguris siajn agadojn la 16ªⁿ de Novembro lasta per belega parolado, flandralingve farita de nia vigla amiko, Sº Advokato Van Dieren el Loveno. La loka estraro bonvole estis konsentinta pri la uzado de la granda salono de la komunuma hotelo. La parolado kunigis multnombran aŭdantaron kaj la oratoro ricevis sukceson, tiel entusiasman kiel bone meritite.

Ekzistas en Berchemo du kursoj : unu por la Ruĝ-krucanoj, instruata de nia kunlaboranto Sº Jer. Van Laere kaj unu por la membroj de la grupo, instruata de Sº A. Havermans, prezidanto.

**BRUSELO. Pioniro.** — Nia bona amiko kaj sindona kunredaktoro, Sº Van der Biest-Andelhof, legis la 25ªⁿ de Novembro en la grupo « Pioniro » sian Esperantan tradukon de « Vorstenplicht »

thesis in één bedrijf door Nestor de Tière. »(Devo de Reĝo, unuakta tezo de Nestor de Tière (1)). S° Van der Biest ricevis bonemeritan sukceson kaj koran akcepton, pri kiu samtempe ĝuis la verkisto de i u ĉi kroniko, kiu kune ĉeestis la kunvenon.

**Instituto S^ta^ Ludoviko.** — Kelkaj studentoj starigis en la Instituto S^ta^ Ludoviko novan grupon, kiun ili nomis « La Zamenhof. » La komitato de la juna societo estas kunmetita jene : *Honora Prezidanto*, D° Zamenhof ;*Prezidanto*, S° Abato Richardson ; *Vicprezidanto*, S° K. de Preter : *Sekretario*, S° P. de Bruyne ; *Kasisto*, S° L. Grégoir. La grupo petos post nelonge sian aliĝon al la Belga Ligo Esperantista.

Estas bona aŭguro por nia movado vi iom post iom ke la junularo eniras niajn vicojn, tial la fondo de la « Zamenhof » estas speciale agrabla al ni. Koran bonvenon !

**GENTO.** — Esperanta kurso estas malfermita en Gento la 3^an^ de Decembro en la societo « Dieu et Patrie. » La instruanto estas nia sindona amiko S° M. Sebruyns-Vromant , la kurso estas ĉeestata de 20 lernantoj.

Ni esperu pri la baldaŭa starigo de fervora grupo en Gento, kie ĝis nun oni sin montris senatenta pri la Esperantista movado.

**MEĤLENO.** — La parolado de S° Abato Richardson, kiun ni anoncis en nia lasta numero, perfekte sukcesis. Ĝi okazis la 10^an^ de Decembro en la festa ĉambrego de la malgranda Seminario, en la ĉeesto de Lia Kardinala Moŝto S° Mercier, ĉefepiskopo, de la profesoroj de ambaŭ seminarioj, de multo da studentoj kaj de kelkaj elektitaj laikaj personoj. La oratoro faris grandan impreson kaj ricevis la tutkorajn gratulojn de Lia Kardinala Moŝto.

La eminenta prelato invitis S^on^ Richardson ripeti lian paroladon dum la nuna monato por la studentoj de la Granda Seminario, kiuj pro malhelpo, ne povis aŭskulti la parolinton la 10^an^ de Decembro.

**NEŬTRA MORESNET'O. Amikejo.** — La festo de la 27^a^ de Decembro, organizita de la grupoj « Amikejo » brile sukcesis kaj kunigis multnombran ĉeestantaron. Pro manko de loko ni ne povas utiligi pri tiu festo la korespondaĵon, senditan al ni el Aĥeno. Ni priparolos ĝin en nia Februara numero.

**VERVIERS.** (Korespondaĵo de S° Parotte). La **Esperantista Grupo** fondita la 20^an^ de Oktobro de 17 eksiĝintaj membraj de la [reformema] « Esperantista Societo, » kalkulis je la fino de la nuna jaro proksimume 40 anojn.

La mardaj kunvenoj, okazantaj je la 8^a^ vespere, tute en Esperanto, kunigas ĉiusemajne 20-25 ĉeestantojn (sinjorinojn kaj sinjorojn). Ĉiumerkrede, je la 5^a^ ptm. kunvenas dek-kvino da fraŭlinoj, por

(1) Aperintan en nia lasta numero.

ĉeesti la perfektigadan kurson, direktatan de gekomitatanoj. Plie, la Prezidanto instruas ĉiulunde je la 8ª vespere, ĉe la societo de l'oficistoj de Verviers « l'Aide mutuelle. »

La anoj de l'E. G. partoprenis multnombre en la festo okazinta la 27ªⁿ de Decembro en Neŭtra-Moresnet'o (Amikejo).

Ĉu ni ĉi tie aldonos ke la juna societo ricevis antaŭ nelonge tre honorigan viziton? La granda Sᵗᵃ Nikolao, dum Sia ĉiujara rondiro tra la bona urbo Verviers ne volis preterlasi la okazon por gratuli la grupon pro ĝia fideleco al Esperanto. Tiel oficiale kiel ne atendite, dum gajege memorinda kunsido, Li bonvolis akompani per kelkaj paroloj — kompreneble en la plej bona Esperanto, — la malavaran disdonon de l'enhavo de Sia profunda dorskorbo.

Oni nur povas bedaŭri ke Lia Sanktula Moŝto, verŝajne pro vere tro ĉiela humileco, ne volis akcepti la honoran membrecon, kiun ia entuziasma amiko, dankeme prezentis al Li.

---

## Chronique Belge.

**ANVERS. Antverpena Grupo Esperantista.** — C'est un vrai plaisir que de constater le progrès toujours croissant de ce groupe, le plus ancien du pays. Les cours pour dames, donnés sous la direction capable de Mᵐᵉ Claessens et de Mˡˡᵉ Eugénie Gunzburg, à l'Ecole moyenne nº 2 pour jeunes filles, réunissent un grand nombre d'auditrices. Les séances de la *Taverne Royale* sont également fréquentées par un grand nombre de membres assidus, dames et messieurs. M. V. Claessens y enseigne avec le plus grand succès l'Esperanto aux commençants ; après la leçon les nouveaux et les vétérans assistent à la même séance. On y fait des lectures et des conférences, après quoi commence une discussion générale sur un sujet indiqué d'avance. Finalement on déclame, on chante ; chaque semaine on apprend un nouveau chant. Les membres du groupe possèdent déjà tout un répertoire.

L'enseignement de l'Esperanto est donné d'après la méthode Gouin, au moyen de l'excellent manuel « La Ĉiutaga Vivo » de

## Belgische Kronijk.

**ANTWERPEN. Antverpena Grupo Esperantista.** — In deze groep, de oudste van het land, is het een waar genoegen den voortdurenden vooruitgang te bestatigen. De leergangen voor dames, die onder de bekwame leiding van Mevr. Claessens en Mej. Eugenie Gunzburg in de middelbare meisjesschool nº 2 gegeven worden, vereenigen een groot getal toehoorsters. De bijeenkomsten in de *Taverne Royale* worden eveneens zeer ijverig en talrijk bijgewoond. De heer V. Claessens geeft er met den grootsten bijval onderricht aan de beginnenden ; na de les wonen nieuwelingen en ouderen dezelfde zitting bij. Er worden lezingen en spreekbeurten gehouden alsook een algemeene bespreking over een te voren opgegeven onderwerp. Ten slotte wordt gedeclameerd en gezongen ; wekelijks wordt een esperantisch lied aangeleerd. De leden der groep hebben zich reeds een heel repertorium aangeëigend.

Het onderwijs in Esperanto wordt volgens de Gouinmethode gegeven bij middel van het voortreffelijk handboek « La Ĉiu-

MM. Swagers et Finet. Les trois professeurs d'Esperanto de l'A. G. E. possèdent le diplôme de capacité délivré par la Ligue Espérantiste belge.

**Verda Stelo. Avis.** Désormais les réunions hebdomadaires ont lieu le mercredi soir à 8 1/2 h. dans un salon special du café « Zomerhof » 32, Place de l'Aurore.

**BERCHEM. Le « Berchema Grupo Esperantista »** a commencé ses travaux le 16 novembre dernier par un magnifique conférence en langue néerlandaise donné par notre vaillant ami, M. l'avocat Van Dieren, de Louvain. L'autorité locale avait bien voulu accorder l'usage de la grande salle de la maison communale. La conférence avait réuni un grand nombre d'auditeurs et l'orateur a reçu un succès aussi enthousiaste que bien mérité.

Il existe à Berchem deux cours : un pour les membres de la Croix-Rouge, donné par notre collaborateur, M. Jér. Van Laere, et un autre pour les membres du groupe, donné par M. A. Havermans, président.

**BRUXELLES. Pioniro.** — Le 25 novembre dernier, notre cher ami et dévoué collaborateur M. Van der Biest-Andelhof a donné lecture au Pioniro de sa traduction espérantiste de « Vorstenplicht, thesis in één bedrijf door Nestor de Tière »(Devoir de Roi, thèse en un acte de Nestor de Tière). (1) M. Van der Biest a reçu un succès bien mérité chez les amis bruxellois, et un accueil très cordial, dont s'est également réjoui l'auteur de cette chronique qui assistait à la séance.

**A l'Institut St. Louis.** Quelques étudiants de l'Institut St. Louis ont fondé un nou-

(1) Parue dans notre dernier numero.

taga Vivo » van de heeren Swagers en Finet. De drie professors van Esperanto bij de A. G. E. bezitten het bekwaamheidsdiploma, afgeleverd door den Belgischen Esperantischen Bond.

**Verda Stelo. Bericht.** De wekelijksche vergaderingen hebben voortaan plaats den Woensdag avond om 8 1/2 uren, in een bijzondere zaal van het koffiehuis « Zomerhof, » 32, Dageraadplaats.

**BERCHEM. De Berchema Grupo Esperantista** heeft hare werkzaamhed n op 16 November l.l. geopend door een prachtige voordracht in Nederlandsche taal, gehouden door onzen wakkeren vriend de heer adv. Van Dieren, van Leuven. De plaatselijke overheid had daartoe bereidwillig de groote zaal van het gemeentehuis verleend. De vergadering werd talrijk bijgewoond en de redenaar erlangde een welverdienden, geestdriftigen bijval.

Er bestaan te Berchem twee leergangen : één voor de leden van het Roode Kruis, gegeven door onzen medewerker den heer J. Van Laere en een andere voor de leden der groep gegeven door den heer A. Havermans, voorzitter.

**BRUSSEL. Pioniro.** — Onze goede vriend en ijverige medewerker, den heer Van der Biest-Andelhof gaf op 25 November ll. in de groep « Pioniro » lezing van zijn Esperantische vertaling van « Vorstenplicht » thesis in één bedrijf door Nestor de Tiére. (1)» De heer Van der Biest genoot er een welverdienden bijval en een hartelijk onthaal, waarover zich ook te verheugen had de schrijver dezer kronijk, die mede de zitting bijwoonde.

**In het St. Lodewijks Gesticht,** Eenige studenten hebben in het St. Lodewijksgesticht een nieuwe groep inge-

(1) Dit stuk verscheen in het vorig nummer van B. E.

